# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949



## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández



Federación Española de Esperanto
(Información y administración)

//

Hispana Esperanto-Federacio
(Informado kaj administrado)

Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 MADRID
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Marcos Cruz Martín
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Kunordiganto:* Miguel Gutiérrez Adúriz
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)


*Kovrilo:* Finnlado: UK-95.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

ENHAVO

La projekto pri

# Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto



UNIVERSIDADE DE SANTIAGO DE COMPOSTELA

Rectorado
Pazo de San Xerome. Praza do Obradoiro, s/n.
15705 Santiago de Compostela
Tel. 981/581455. Fax. 981/588522

UNIVERSIDADE DE SANTIAGO
REXISTRO XERAL
17.MAR95 01632
SAIDA

Acúsolle recibo do seu dossier relativo ó proxecto "Cursos Internacionais Preuniversitarios de Verán en Esperanto", así como do informe relativo á xénese e vicisitudes do mesmo.

Prégolle por iso que se poña en contacto co primeiro dos Vicerrectorados citados a fin de tratar das cuestións iniciais e recibilas intruccións precisas.

Santiago de Compostela, 16 de marzo de 1995



Asdo.: Darío Villanueva

(1) Ĉi supre vi vidas la komencan kaj finan partojn de la oficiala galega-lingva skribaĵo kiun la Rektoro de la Universitato de Santiago de Compostela (Hispanio) ĵus sendis al la iniciatinto de la projekto. Jen ni resumas por vi la enhavon (kiu mem tuŝas nur kelkajn punktojn el la tuta afero):

— Dankas la alsenditan dosieron pri celo, strukturo, ĝisnunaj sortoŝanĝoj de la projekto. La Universitato principe faras sia la projekton, kaj tial ĝin gvidados.

— La kerna strukturo konsistas el eldonotaj tekstoj specife verkitaj en E por la Somerkursoj fare de internacia fakularo, kaj fakta parola instruado en klasĉambro en E fare de tiu sama fakularo al internacia junularo.

— Dankas la tekstojn jam alsenditajn de pluraj fakuloj, petas kaj antaŭdankas pri plua tia helpo. Kore invitas la junajn E-uzantojn partopreni la Kursojn kaj ricevi la establotan koncernan diplomon.

— La tuta projekto konsistigas klerigan taskon, sen ajna profitocelo. Antaŭdankas ĉian helpon de ĉiaj institucioj klerigaj, administraj, financaj, kiel ja ankaŭ de E-institucioj.

— Por ke ne okazu pli da prokrastoj, endas ke jam en la tuja somero 1995 okazu la unua Kursosesio, se bezone nur laŭ modesta, prova nivelo. Pri malvolvo de la projekto zorgos la Vicrektoroj por Klerigo-Disvastigo kaj por Studentoj.

(2) En Galegio jam de pluraj jaroj ne plu ekzistas eksplicita kontraŭstaro de kleruloj al E (por kio grave rolis la altnivela plurjara informado, i.a. pere de la broŝuro *Notas e informe sobre a lingua Internacional Esperanto,* tiam laŭdata i.a. de Waringhien kaj de Becker). Al tio tre helpis ankaŭ en freŝaj tempoj la publikaj eldiroj ĉi-tieaj de Umberto Eco pri devoj, ke la universitatoj kaj politikistoj serioze atentu kaj apogu Esperanton; helpis ankaŭ la ĉi-tiea akcepto fare de PEN-Klubo de sia E-sekcio, ktp. (Klara ekzemplo de tia sinteno vidiĝas en la fakto, ke oni jam nun invitas ankaw gravajn E-fakulojn prezenti nian lingvon kaj sintenon en granda internacia kongreso ofganizaa de nia Universitato kaj okazonta en Santiago en 1996 pri la Babel-problemo).

(3) La duboj nun reduktiĝas al tio (pri kio ni eĉ debatetis ankaŭ kun du anoj de la asista teamo al la hispana ŝtata ministro pri Edukado kaj Scienco), ĉu la E-uzantaro disponas la internacian kapitalon homan kaj kulturan, bezonatan por kiaj ajn rigore plenkvalitaj klerigtaskoj, kiel ankaŭ pri tio, ĉu ekzistas internacia studentaro postulanta aŭ almenaŭ preta ricevi instruadon en E: Nu, jen ni pensas, ke per *ĉies niaj* fortostreĉoj *ni ĉiuj* baldaŭ *oficiale* pruvos ke jes, kaj ke tial ni krome starigos la firman bazon, sur kiu *ni ĉiuj* povos poste malvolvi la tre pli ambiciajn planojn, kiujn la nuna projekto pri E-Somerkursoj ĝerme enfermas en si.

(4) En la jaroj 1990 kaj 1991 (kiam ŝajnis, ke la E-Somerkursoj tuj komenciĝos), ni dissendis du plurpaĝajn presitajn cirkulerojn pri la projekto al ĉiuj ĉefaj E-institucioj kaj organizaĵoj. Nun estas pretigata tria cirkulero, jam kun pli konkretaj detaloj.

Tamen, jam tie ĉi ni prezentas la peton pri **la plej grava kaj urĝa helpo** bezonata de la projekto, almenaŭ por la unua kaj eble ankaŭ dua jaro: **Ĉiu E-institucio (ŝtata, regiona, loka, faka, kleriga, ktp) estas petata, bonvole studi la eblecon, financi al unu aŭ pluraj el siaj junaj membroj la**

**vojaĝon kaj (malmultekostan) restadon dum 1 ĝis 4 semajnoj en nia universitato, en baldaŭ anoncota dato de ĉi-somero 1995, kaj ke pri tia provizora decido ili bonvolu informi nin.**

Ĉiuj bonvolu kompreni, ke la ĉitieaj institucioj, almenaŭ komence, povas nur parte financi la projekton! Al ĉiuj, anticipan dankon por ĉia helpo kaj kunlaboro al *ĉies nia* projekto!!

Jen la projekt-adreso:
Lic. Antonio Alonso Núñez.
Curso de Esperanto — Facultad de Filología
E-15705 - Santiago de Compostela. (Hispanio)
Elektronika poŝto: ilganton@uscmail.usc.es
Telefono kaj faksilo: + (9)81 59 80 05



---



# Nia ĉijara kongreso



Kiel vi ĉiuj scias, en nia Malaga kongreso venis neniu sinpropono por organizi nian federacian kongreson en 1995, kvankam ja venis la sinpropono —kiun ni oficiale kaj elkore danke akceptis—, organizi nian kongreson de 1996 en Murcio.

Post pluraj demarŝoj por nia ĉijara kongreso, la sola kaj dankata propono venis, ke ĝi okazu en Salou, en la fino de la dua semajno de novembro, profitante por tio la infrastrukturon de la Tria Turisma Semajno (okazanta en la dirita dua semajno de novembro), kiun tie jam nun organizas nia kataluna samideanaro (Hispana Esperanto-Muzeo, Fervojista E-Asocio, Kultura Asocio Esperantista, k.a.).

En nia venonta numero ni informos vin pli detale pri la tuta aranĝo. Kaj tie ĉi ripetas nian varman dankon al la proponintoj, kiuj tial, plian fojon favoras nin ĉiujn. Novembre, ĉiuj al Salou!

*La estraro*

---

# Helpu al Ludovikito!



Ni ĉiuj bone scias, ke Ludovikito (pseŭdonimo de s-ro Itô Kanzi, el Kyôto), malavare eldonadas el propra poŝo, ekde la jaro 1973, la imponan kolekton PVZ (= Plena Verkaro de Zamenhof), kiu jam ampleksas ¡49 volumojn! (kvardek naŭ), kun po 300 ĝis 500 paĝoj. Krome, preskaŭ ĉiu volumo enhavas prefacon, postparolon, studetojn, notojn, rimarkojn, indeksojn, listojn, k.s., verkitajn de Ludovikito mem.

Tian imponan esperantologian kolekton (fierigan por la tuta esperantista kolektivo), kompletigas la eldonata volumaro "Ludovikologia Dokumentaro". Tamen, al Ludovikito, jam nun emerito, mankas mono por daŭrigi sian meritoplenan laboron, kvankam pluraj manuskriptoj jam pretas por eldono. (Kaj al ĉio ĉi aldoniĝas la fakto, ke la laboron malfaciligos la ĵusaj tertremoj de Kobe, atingintaj ankaŭ Kiôton, kvankam feliĉe ne rekte trafintaj s-ron Itô Kanzi).

Pro la risko, ke tiu plej altvalora kultura entrepreno de Ludovikito restos nefinita, ekzistas nun kampanjo en ĉiuj E-medioj, ke ni ĉiuj laŭeble helpu lin, laŭ jenaj du vojoj:

(a) Ja, per persona aĉetado de volumoj el la dirita kolekto (kiuj, aldone al sia propra valoro, estas tre digne presitaj kaj binditaj, kun flava kaj nigra koverto). La librojn oni povas mendi ĉe nia Libroservo.

(b) Per subteno pere de mondonacoj, kiel ajn granda aŭ modesta estos la sumo, sendotaj al la konto "kanz-w" de UEA.

Aparte, HEF lanĉas kampanjon por aĉeti kompleton de la tuta kolekto, por nia Nacia Biblitoteko.

Kunlaboru enkasigante viajn donacojn ĉe la "Cuenta Buena" (Caja Postal 14.011.966), klare skribante vian nomon kaj la indikon «Ludovikito». Ĉiu mondonaco kiun ni ricevos estos publikigita en Boletín.

Ne forgesu sendi ankaŭ vian helpon!. Digna estas la tasko, nobla la celo, utila kaj fieriga la verko de Ludovikito!

Jen la komenco de la kolekto:

| | |
|---|---|
| H. E. F. | 25..000 |
| A. A. N. | 10.000 |
| A. C. E. | 5.000 |
| Ĝis nun — | 40.000 |

# 80a Universala Kongreso Tampereo - Finnlando

### Dua Bulteno

Ĝi atingis la plej multajn kongresanojn en januaro, kun ĉiuj necesaj informoj pri loĝado, ekskursoj, antaŭ- kaj post-kongresoj, ktp.

### Invitleteroj

Kongresanoj bezonantaj vizon devas mem pruvi al konsulejo la posedon de monrimedoj sufiĉaj por resti en Finnlando; ankaŭ ekssovetianoj, ĉar finnaj konsulejoj ne plu konsideras invitleterojn el Finnlando. Kongresanoj kiuj mendis kaj pagis loĝadon tra UEA, povas ricevi de L.K.K. ateston pri tio. UEA daŭre sendos invitojn nur al landoj, kie tio necesas por akiri pasporton. Tian leteron oni sendas nur al kongresaj aliĝintoj.

### Postkongresoj:

En Estonio ĝi celos la ĉefurbon Tallinn, la historian Tartu, la apudmaran ripozurbeton Pärnu kaj la pitoreskan insulon Saarema, tiel ke ĝi donos tutecan bildon pri Estonio. En ĉiuj urboj oni renkontos lokajn esperantistojn.

En Peterburgo: El la du ekskursoj ĉi-urben, la unua estos 5-taga kaj startos tuj post la UK per buso; la dua, tri-taga krozo per luksa ŝipo, komenciĝos la 3-an de aŭgusto, kaj estos kombinebla kun aliaj postkongresoj.




Postkongresoj en Finnlando celos la plej finnajn pejzaĝojn: tiujn de la Orienta Lagoregiono kaj la plej nordajn, t.e. Laponion.

### Oficiala flugkompanio

Finnair, la nacia aertransporta kompanio de Finnlando, estas la oficiala flugkompanio de la Kongreso. Ĝi havas multajn bonajn konektojn al Eŭropo, Nord-Ameriko kaj Azio, kaj povas oferti tre favorajn flugprezojn, precipe por grupoj.

**Aliĝoj:**

Antaŭ la komenco de decembro aliĝis pli ol 600 personoj el 48 landoj. Plej multas (post finnoj) germanoj, nederlandanoj, japanoj, britoj, poloj, italoj, svedoj, brazilanoj kaj koreoj.

**Loĝado**

Pli ol 20 diversaj loĝeblecoj, inter kiuj plejmultas ĝuste la malaltkostaj. LKK rezervis pli-malpli ĉiujn tiajn lokojn en Tampereo. Preskaŭ ĉiuj loĝejoj troviĝas ne pli ol du kilometrojn for de la kongresejo. Organizantoj de vojaĝgrupoj turnu sin rekte al la C.O. por kelkaj specialaj ofertoj.

**Kotizoj:**

Inter la unua de januaro kaj la 31a de marto, en guldenoj (parenteze la sumo por la landoj kun tarifo B): individua membro de UEA (IM) 270 (202); ne-IM 338 (252); komitatano/kunulo/junulo/handikapulo ne-IM 202 (151).

---

# Eŭropa oficejo de TEJO fondita




Internacia Junulara Kongreso
(Vidu *Boletín* 319)

En aprilo 1995 TEJO aliĝos al la Junulara Forumo de Eŭropa Unio. Tio signifas, ke TEJO ekhavas novajn eblecojn agadi ene de eŭropaj strukturoj. Tio signifas ankaŭ plivastigon de la agado en la kampo Eksteraj Rilatoj de TEJO. Ĝis nun la esperantistoj tre malmulte aŭ apenaŭ uzis EU-monfontojn. Mankis informoj kaj homfortoj, kaj krome kunordigo por peti subvenciojn.

TEJO nun ekpaŝas en la novan EU-epokon. En Bonn januare liberiĝis oficeja spaco, ĉar Germana Esperanto-Junularo kaj -Asocio tie nuligis sian ĝisnunan centran oficejon. Tamen restis kapabla kaj tre engaĝita teamo, kiu jam laboris por TEJO kaj je nacia skalo atingis i.a. oficialan ministerian agnoskon kaj ŝtatajn subvenciojn. Ĉirkaŭ tiu kerno formiĝis pli granda teamo de lokaj junaj movadanoj. Tiel fondiĝis la eŭropa oficejo de TEJO en la eksa GEJ-oficejo. La Eŭropa Junulara Esperanto-Oficejo (EJO) uzas la jam ekzistantajn strukturojn kaj adreson en Bonn.

Nun troviĝas en Bonn ĉirkaŭ 10 junaj aktivuloj, kiuj jam enlaboriĝas en la oficejan taskaron. Tial nun TEJO havas la kapaciton ekserĉi subvenciojn de EU, informiĝi pri eblecoj financi seminariojn, publikaĵojn kaj aliajn projektojn, kaj ekpropagandi ĉe EU-instancoj. La oficeja teamo celas ankaŭ kunordigi la junularan agadon rilate al EU.

Pro la urĝeco de la taskoj rilataj al EU-agado la oficejo estis fondita en januaro 1995, kvankam la unuaj "grandaj" subvencioj, por kiuj necesas ekpremi nun, povus alveni nur en 1997.

Tial mankas ankoraŭ financa bazo por la unu kaj duona jaro ĝis la laboro fruktos. Ĝis tiam la oficejo bezonas la financan subtenon de esperantistoj-privatuloj kaj kiel eble plej multe da informoj de la EU-landaj Asocioj, t.e. gazetojn, informojn pri EU-rilataj enlandaj strukturoj kaj kunvenoj.

Vi povas sendi viajn informojn al: EJO, Rheinweg, 15. D-53113-BONN. Germanio. Vi povas kontribui finance al UEA-konto EJEO-U.

# MAZI

**Listo de personoj, kiuj pagis la MAZI-kurson**

Kantabra Espo-Asocio 4; Antonio Alonso 1; Madrida E-Liceo 1; Esperanto-Muzeo 1; Merida Espo-Grupo 1; Astura Esperanto-Asocio 1; KAE 1; Antaŭen 1; Nicolás Ruiz 1; Hispana Esperanta Fervojista Asocio 10; Malaga kongresnumero "19" 1; Antonio Cabezos 1; Miguel Gutiérrez 1; Andaluzia E-Unuiĝo 1; Marcos Cruz 1; Hispana Esperanto-Federacio 1; Miguel F-dez Martín 1; Grupo E-ista de Bilbao 5; Libroservo de HEF 5; José Año Belda 1; Frateco (Zaragoza) 3; Gonçalo Neves 1; Cesar de Mosteyrin 3; Manuel Parra 1; Eduardo Martinez 1; Jose Luis Pérez Ovilo 1; Pedro Ullate López 1; Kordoba E-Asocio 1; Mercedes Fernández 1; Luis Serrano Tausia 1; Ismael Hossany Diez Gonzalez 1; Alava Esperanto-Asocio 1; F-co José Dávila Dorta 1; Sociedad Esperantista Tenerife 2; Augusto Casquero 1; Felix Ruiz 1; Esperanto-Biblioteko "Ramón Molera" 1.

Se via nomo ne aperas en ĉi listo, kaj tamen vi faris la koncernan pagon, bonvolu kontakti la respondeculon en Hispanio: Miguel Gutíerrez; Floranes 57, 2°C; 39010 Santander.







GDANSKO (Pollando)

La Kongresfako de Kooperativo de Literatura Foiro anoncas la 14an Internacian Literaturan Forumon okazontan en tiu pola urbo de la 15a ĝis la 19a de julio 1995 pri "Amo en poezio kaj en prozo", kun interesaj prelegoj (i.a. de Miguel Fernández), riĉa kultura kaj distra programo, unutaga ekskurso. Organizas LF-koop. kaj Junulara Kreema Klubo PLAMA.

Pliajn informojn, aliĝojn bonvolu peti de: Kongresfako de LF-koop., c/o Esperanta PEN-Centro. Pf. 117, H-1581 Budapest, Hungario.

Murcio (Hispanio)

La muzikgrupo "Korleone" de la Universitata Esperantista Asocio "Rosetta Ŝtono" de tiu ĉi urbo, kun ampleksa repertuaro de pop-rok-muziko kaj kanzonoj en Esperanto, ofertas sian partoprenon en kongresoj kaj renkontiĝoj per malalta buĝeto: sufiĉas pagi la vojaĝokoston de la Grupo (ses personoj), de iliaj instrumentoj (ses gitaroj) kaj la restadon (manĝado kaj loĝado). Krompago al la muzikistoj ĉiam estos bonvena.

Cetere, ni informas, ke jam ekfunkcias Modern-Muzika Esperantista Registrejo de nia Asocio, kiu ofertas specialan rabatitan prezon por la grupoj kantantaj en Esperanto: 10.000 p-tojn por kanzono triminuta (kun maksimuma registradlaboro de unu tago).

Informoj pri ambaŭ anoncoj: Pedro Antonio Macanas Valverde; Av. Libertad, 6-2. E-30009- Murcia. Telf. (9)68-231219.

Montpellier (Francio)

La "Centre Culturel Esperanto" de tiu urbo organizas Internacian Esperanto-Semajnon en Sète, havenurbo situanta 30 km-ojn sudokcidente de Montpellier, de la 2a ĝis

la 9a de septembro 1995. Dum via restado en tiu "Semajno" vi povos ĝui agrablan internacian etoson, bani vin en Mediteraneo, viziti vidindaĵojn, eklerni aŭ praktiki Esperanton, interkonatiĝi kun interesaj homoj, ktp.

Informoj: Yvette Vierne; 5, Rue Docteur Roux. 34000-Montpellier (Francio) Telf. 33 67 54 15 43.




Ankaŭ "Cercle Biterrois d' Esperanto" organizas printempan staĝon de la 24a ĝis la 28a de majo 1995, kun speciala dediĉo al la instruado de Esperanto (elementaj kaj progresigaj kursoj). Loko: Feridomo Batipaume, inter Mediteraneo kaj urbeto Agde (Hérault) en Francio. La duagrandan kurson gvidos nia samideano Miguel Gutíerrez. Informoj: "Cercle Biterrois d'Esperanto"; 9, rue G. Picot. 34500-BEZIERS. Francio.

**Valencia-Murcia Kongreso en Alquerías (Murcio)**

La Kultura Esperantista Asocio "Ĉielarko" anoncas la 6an Kongreson de Valencia kaj Murcia Esperanto-Federacio okazontan en tiu urbo la 29an kaj 30an de aprilo 1995. La programo estos samtempe distra kaj utila: oni debatos pri la nuna situacio de la hispanaj Esperanto-Grupoj, metodoj pri Esperanto-instruado, problemoj pri komputiloj, oni prezentos Esperantan video-kurson, k.a.

Ankaŭ enprogramiĝis recitado de poemoj en la hispana kaj esperanta lingvoj, bankedo en Cartagena kaj vizito al la ĉefurbo Murcio. Dum la Postkongreso oni ekskursos al la turisma centro La Manga kun ŝipopromenado tra la "Mar Menor".

Informoj: Asociación Socio-Cultural "Ĉielarko"; C/ Gregorio M. Montesinos, 3. 30580-Alquerías (Murcia)




**"Mazi en Gondolando" pli proksima**

Internacia Esperanto-Instituto de Hago, kiu lanĉis la instruprojekton por infanoj sur vid-bendo, "Mazi en Gondolando", komunikas al ni

sian ĝojon, ĉar ĝis nun (27-2-95), venis al tiu Instituto mendoj kaj antaŭpagoj por pli ol 1.237 ekzempleroj el 32 landoj kaj kvar kontinentoj. La vid-bendo perfekte taŭgos kiel helpilo por ne-profesiaj instruantoj de Esperanto kaj ebligos lerni eĉ en familia rondo.

La MAZI-instru-vidbendo daŭras 180 minutojn kaj konsistas el 12 partoj; ĉiu parto enhavas kelkajn scenojn kaj gramatikajn klarigojn. La lernolibro estas internacie uzebla. La MAZI-filmo temas pri simpatia kosma estaĵo, kiu vizitas fantazian Gondolandon kaj tie helpas al reĝa familio solvi diversajn problemojn. Same kiel en aliaj fabeloj, ankaŭ nun estas bonuloj kaj maliculoj, tamen komputilo helpas krei miraklajn aventurojn, kio plaĉas al multaj kaj kaptas la atenton de la spektantoj.

Sur la 8a paĝo aperas la nomoj de la hispanaj mendintoj. Do, se vi pagis kaj via nomo ne aperas sur la listo, bonvolu kontakti la hispanan respondeculon: Miguel Gutíerrez Adúriz; Floranes 57, 2°C; 39010 Santander; tel:942-260058.

La unua intergeneracia kurso de Esperanto sur vid-bendo baldaŭ estos preta. Ĝi estas moderna profesi-nivela instru-materialo por infanoj, junuloj... kaj plenaĝuloj. Samtempe ĝi estas ankaŭ moderna demonstrilo, por montri al la "ekstera publiko" kiel la lingvo funkcias.

**Saarbrücken (Germanio)**

Iltis-Eldonejo informas pri la represo de la romano de Teo Jung "Landoj de l' fantazio" kaj pri la eldono de tri (!) verkoj de Karolo Piĉ: du eseoj kaj unu romano, nome, Kritiko kaj recenzistiko en esperanto, La interna vivo de esperanto kaj Ordeno de verkistoj. La du eseoj majstre pritraktas kernajn aspektojn de la esperanta kulturo, jen de vidpunkto literatur-scienca, jen esperantologa. La kvara romano de nia ĉeĥa klasikulo denove miksas plej sugestan poezion kaj unikan prozon en la Litomiŝla literatura universo. Ni garantias, ke la tri verkoj markos mejlo-ŝtonon.

Por ebligi al kiel eble plej multaj libro-amantoj la pli favoran prezon, oni plilongigis la mendo-limdaton al la 30 de Junio de 1995.

Informoj aŭ mendoj: Iltis-Eldonejo; Postfach 600 130. D-66067 Saarbrücken. Germanio.

**31aj Baltiaj Esperanto-Tagoj (BET-31)**

Litova Esperanto-Asocio invitas vin partopreni tradiciajn somerajn Baltiajn Esperanto-Tagojn, de la 8a ĝis la 16a de julio, 1995. Veno al la aranĝo la 7an de julio, forveturo

la 16an de julio 1995. Ĝi okazos en arbarista lernejo en Girionys, 17 km-ojn sudoriente de Kaunas.

La programo, kiel tradicie, konsistos el somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, debatoj pri situacio kaj problemoj de E-movado, ktp.

Aliĝkontaktadreso: Litova Esperanto-Asocio; str. L. Zamenhof, 5.-LT-3000 Kaunas. Litovio.

### "Fraŭlino Esperanto-1995"



En la kataluna urbo Sabadell okazis en la kadro de la ĉiujara asembleo de Kultura Esperanto-Asocio (KAE) la prezento de la bela junulino Noemi Gilabert Casassas kiel nova "Fraŭlino Esperanto-1995". La belulino, 21-jara, studas Esperanton en kurso organizita de tiu asocio kaj ŝi estis publike prezentita de José Mª Galofré, prezidanto de la asocio kaj ankaŭ vicprezidanto de HEF.

Komuna tagmanĝo de KAE-membroj kaj simpatiantoj de nia paca idealo en restoracio de hotelo Urpi donis festan etoson al tiu agrabla okazaĵo.

Gratulon al la belulino kaj al la organizantoj!

### Senpaga ekzemplero de "Heroldo de Esperanto"

Vi povos elekti el pli ol 200 Esperanto-kunvenoj en 1995.

La printempa duobla numero de "Heroldo de Esperanto" enhavas detalan liston de ĉiuj plej gravaj feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto ĉie en la mondo.

La listo por 1995 detaligas datojn, adresojn kaj programojn kaj priskribas pli ol 200 aranĝojn.

Oni povas senpage ricevi tiun duoblan numeron, *marpoŝte*, mendante ĝin ĉe la redakcio (Via Sandre 15, 10078 Venaria Reale (Torino), Italio.

Kiel konate, "Heroldo de Esperanto", fondita en 1920, estas la plej populara gazeto en la internacia lingvo kaj estas eldonata de laŭleĝe registrita kultura societo sen profita celo.

## Aplikado de Esperanto en la Ekonomia vivo

# Psikologiaj reagoj

Estu sinceraj kaj rekonu, ke inter ni abundas homoj, kiuj timas ĉe ebla ŝanĝiĝo de la tradicia situacio de la Movado. Temas pri timo kreski kaj evolui. Ili ne kuraĝas transpreni respondecojn pri konkretaĵoj kaj, anstataŭ tio, preferas revi senpene pri facila pacismo kaj alpropriĝo de E-o fare de personoj, kiuj ne simpatias kun ĝi. Ili timas sinki en la vakuon.

Antaŭ la neceso/realeco aplikadi E-on profitcele, ili respondas per tipaj psikologiaj defendmeĥanismoj kaj rifuzas la aplikadon de Esperanto en ekonomio,

- ĉar konstatas, ke tia aplikado ne okazas en iliaj ĉirkaŭoj (*neado*);
- prezentante validan, sed ne valoran razonadon (*raciecigo*);
- pensante, ke, kiel ili, aliaj samideanoj opinias la situacion neŝanĝebla (*projekcio*);

Estas bonege uzi Esperanton en literaturo kaj celi la atingon de pli feliĉa kunvivado, estas bonege. Tamen, tiu mirinda sinteno ne plu estas tia, se ĝi kunportas la ekskludon de la lingvo en la ekonomia kampo. Imiti la konduton de gravaj homoj ne malofte signifas kaŝi konkretajn motivojn atentigante pri aliaj kontraŭaj (*reago*).

Oni kutime asertas, ke la Movado pluvivas nur pro la penado realigi en la mondo (?) la idealon de la "interna ideo". Al tio mi aldonas, ke ankaŭ ĝuste pro tiu ekskluziveco, E-o ne estis/as uzata amase. Oni forgesis la profitcelan flankon de la aplikado de la lingvo.

Ajna esperantisto aganta laŭ siaj principoj travivas interne la teruran konflikton kredi la potencojn de sia internacia lingvo dum, ĉiutage, li mem konstatas la imponajn limigojn altruditajn de la socio al personoj kaj grupoj, kiuj klopodas realigi la eblecojn de ĉi tiu lingvo. El tio fontas konstanta angoro al kiu oni preskaŭ ĉiam respondas per la supre diritaj defendmeĥanismoj. Tamen la problemo ne solviĝas per tiaj forevitoj: ĝi, ĉar reala, postulas realajn rimedojn kaj realajn personojn.

Vi mem kapablas helpi grave kunlaborante kun samideanoj kiuj prizorgas, ke E-o utilu por perlabori panon. La ekonomia kampo vastegas kaj la eblecoj

aplikadi al ĝi nian lingvon sennombras. Rememoru kion atingis aliaj en TURISMO. Ili sukcesis, ili enspezis peresperante.

Jen farendaĵo: klopodu viziti iun vojaĝagentejon kaj paroli pri la ebleco uzi E-on kiel pontolingvon. Komentu kun la respondeculo la sukceson de "Esperantotur", "Novtur", "Espertur", "Movilo" kaj aliaj turismaj agentejoj kiuj uzas, krom aliaj, nian internacian lingvon. Certigu al li vian kunlaboradon. Vi tuj konstatos, ke disfalas la antaŭjuĝoj malfavoraj al E-o.

Kaj, ankoraŭfoje, bonvolu ne fantazii imagante facilan sukceson atingeblan helpe de la aliaj. Esperanto dependas de nia konkreta kaj efika agado.

*Andrés Martín.*

---




KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO

**"La Kaverno"— Aĉetvendejo de antikvaĵoj en Murcio.**

Numismatiko (moneroj, biletoj). Horloĝoj. Libroj. Ĝenerale, kolektoj kaj aliaj antikvaĵoj. Bonvolu sendi leteron prefere kun la datumoj (objektoj, dimensioj, materialo, antikveco...) kaj oportune fotoj. Adreso: "La Kaverno"; C/ Arquitecto Emilio Piñero, 7; ES-30007 Murcia (Hispanio); Tel: 968-233775.

**Forumo Etno kaj Naturo.**

Survoje al la unuiĝo, la popoloj devas konservi bonkvaliton kaj diversecon de la natura kaj kultura vivmedio de la homaro. Tion celas projekto "Lingvo-Kulturo-Ekologio" efektivigata de la samnoma Centro de la Akademio de Nova Pensado (ANP), sub aŭspicio de la Akademio Internacia de la sciencoj (AIS) de San-Marino kaj Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo (Monda Kunagado) kiel ilia kontribuo al la Monda Jardeko por Kultura Evoluigo (1988-1997) de UN/UNESKO kaj al la Eŭropa Naturprotekta Jaro 1995. Forumo "Etno kaj naturo"-1995. (ETNA-95) estas la dua granda evento de la projekto post la rusa AIS-sesio.

Centro Lingvo-Kulturo-Ekologio organizas ETNA-95, de la 26/6/ al 5/7/1995. Informoj: Internacia Komitato ETNA-95; OUZP, Popradské nábrezie 16. 058 01 Poprad. Slovakio.

MOVILO, Turisma Oficejo por Esperanto-aranĝoj.

Nia firmao certigas por ĉiuj esperantistoj de la tuta Mondo kaj por ĉiuj grupoj eksterlandaj, gvidataj pere de esperanta vojaĝgvidanto, agrablan ripozon kaj en Esperanto-medio, kaj en ia ajn revita loko de Hungario.

Ni organizas ekskursojn al diversaj landoj kaj pretas akcepti mendon de eksterlando por lui buson, ni povas prizorgi trajn-flug- kaj ŝip-biletojn, laŭ mendo. Ni okupiĝas ankaŭ pri internacia komercado de Esperanto-eldonaĵoj.

Ni petas la turismajn kaj komercajn firmaojn, kiuj en sia laboro utiligas Esperanton Kontakti nin! Adreso: MOVILO -Turisma Oficejo-. 1157 Budapest, NYIRPALOTA UT 107. Hungario. Fakso 36-1-163-4840.

---




★ Fraŭlino 39-jara, dez. kor. pri grafikarto, lingvoj, hundoj k.a. Interesatoj bonv. adresi viajn leterojn al: Annie Mc Coy, P.O. Box 2831. Escondido, C.A. 92033- 2831. Usono.

★ 36-jara instruisto de Esperanto en infana klubo, bezonas kaj petas al E-aj rondoj kaj bonvolemaj e-istoj: lernolibrojn, vortarojn, legolibrojn, esperantistajn revuojn, ktp por pli efike instrui la internacian lingvon. Cetere al mi plaĉus korespondadi kun hispanaj geesperantistoj. Antaŭdankon pro via sendota materialo! Bonvolu skribi al: Vilhelmo Henrio Arbeja Salazar (Ph. Ps. D.); Poŝtkesto 022; Santa Cruz del Sur. Camagüey. Poŝtkodo 73200- Kubo.

★ 50-jara sinjorino dez. kor. pri literaturo, historio, mitologio ktp, kaj trovi bonan hispanan amik(in)on. Ŝi vizitos en la venonta monato aprilo Mallorca, Alcudia k.a., tial ŝi volus kontakti kun geesperantistoj de tiuj urboj okaze de ŝia proksima vojaĝo. Adreso: Kari HOPLAND; Lyingbakken 28-B 4340-BRYNE, Norvegio.

★ 30-jara studento de Madagaskaro lernanta Esperanton dez. kor. pri ĉiuj temoj kun la speciala celo trovi bonajn geamikojn. Mi tre dankus ricevi E-lernolibrojn kaj vortarojn. Adreso: William Hippolite RAKOTONIAINA; Commerçant Ankazomborona; 416 Marovoay. Madagaskaro.

★ Ĝemelaj fratoj 20-jaraj, studentoj en la Universitato de Rio-de-Ĵanejro dez. kor. kun gejunuloj celante amikecon. Interesatoj bonvolu sendi, prefere fakson, al la numero 00-55-021-712-2861. Adreso: Marcel kaj Michel Souza Marques; Rua Luis Nunes, 40 Rocha, São Gonçalo- RJ 24421-360. Brazilo.



La nova kolekto de Grupo Nifo




Prezentas

## LA IMPERIO ORNAKS

Ekstere: kolora kovrilo
Interne: 96 paĝoj da...
Aventuroj — Aventuroj — Aventuroj

**Libroservo de HEF: Nur 600 ptojn!!**

**Libroservo de HEF, Apartado 119, 47080 Valladolid**
**Tel: 983-26-00-86**

# ... kaj viglas plu

★ La eldonejo *Pro Esperanto* en kunlaboro kun *Fundación Esperanto* de HEF eldonas la novan libroserion "Originala Literaturo". Jam aperis pluraj volumoj: *Apenaŭ Papilioj en Bergen-Belsen* (Trevor Steel), *Glaŭka lum'* (Geja antologio), *Kie boacoj vagadas* (Elia Salovaara). Kaj en 1995 aperos novaj titoloj *La maŝino kiu kriis* (Pluraj aŭtoroj), La dorsosako de panjo Rut' (Claude Pirón). HEF gratulas la eldonejon kaj deziras al ĝi la merititan sukceson.

★ *Precisions sobre l' Esperanto* estis la titolo de la prelego, kiun nia kara samideano, redakta stabano de Boletín, Salvador Gumá Clavell faris en "Centre d'amics de Reus". La prezenton faris Prof-ino Luz Vazquez.

★ La biblioteko de HEF daŭre akceptas libro-donacojn. Nun ĝi plene funkcias jam, kaj en la venonta numero de Boletín oni detale informos pri la laste ricevitaj volumoj. Ĉiu esperanta libro estas bonvena. Adresu viajn libro-donacojn al la Centra Oficejo de HEF; Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7; 28015 Madrid.

La esperanta kulturo
fariĝas ĉiutage.
Danke al niaj verkistoj
kaj tradukistoj,
al niaj kuraĝaj eldonistoj,
al niaj libroservoj
kaj... al vi: la leganto!

**Agu laŭ la devizo**
**kaj vivu**
**la esperantan kulturon**




**Legi estas vivi**

Petu senpage la katalogon de la Libroservo de HEF, kaj — bonan legadon!

| Reklamtarifo de Boletín | |
|---|---|
| Kvarona paĝo | 2.000 ESP |
| Duona paĝo | 3.000 ESP |
| Tuta paĝo | 5.000 ESP |

Manieroj pagi: 1) per HEF-konto ĉe UEA (hefb-m). 2) per HEF-konto ĉe hispana ŝparkaso Caja Postal (0014011966)




**malnovaj numeroj de Boletín: po 200 ptojn ekzemplero**

**Disponeblas nur ekde la numero 282**

# Asimilado de hispanlingvaj etimoj finiĝantaj per S



Ĉe la fino de mia studaĵo "Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj" (1), mi listigis kelkajn temojn bezonantajn pli detalan esploradon por trovi kontentigajn solvojn. Unu el tiuj demandoj koncernas la traktadon de vortoj kaj propraj nomoj havantaj pluralan formon, t.e. finiĝantaj per la litero "s". Ĉu oni konservu la pluralan formon (sed ne la sencon) en Esperanto? Trarigardo de pluraj publikigitaj tekstoj en libroj kaj periodaĵoj, kaj registraĵoj en vortaroj montras, ke ankaŭ sur tiu ĉi tereno, asimilado ne estas konsekvenca. Manke de difinitaj principoj, ĉiu aŭtoro kaj vortaristo decidas pri la formo de la vorto aŭ nomo en Esperanto. Tiu leksikografia kaoso karakterizas la lingvouzon ne nur de esperantistoj sen scio de la hispana lingvo; ankaŭ hispanlingvuloj kontribuas al la konfuzo. Atestas arbitrecon kaj kapricecon la ekzisto de pli ol unu esperantigita formo de la sama vorto aŭ nomo.

Malofte estas la ekzemploj de nomoj kun nur unu formo en Esperanto, aŭ kun la hispana pluralmarkilo aŭ sen ĝi.

*Dolores*: Doloreso (SS, 1935)
*Burgos*: Burgo (UJM, 1971). En tiu ĉi formo ĝi fariĝas homonima radiko kun "burg/o" (mezepoka fortikigita kastelo).

La plej multaj ekzemploj de asimilado montras, ke la sama vorto aŭ nomo povas esti traktita ambaŭmaniere.

*Cervantes*: Cervanteso (JR, 1908); Cervanto (PIV-S, 1987; RŜ, 1989)
*Caracas*: Karakaso (PIV, 1970; RŜ, 1989); Karako (PAM, 1971) (2)
*Honduras*: Honduraso (PIV, 1970); Honduro (PAM, 1971; RŜ, 1989)
*Barbados*: Barbadoso (PIV, 1970); Barbado (PAM, 1971; RŜ, 1989)
*Los Angeles*: Los-Anĝeleso (PIV, 1970); Los-Anĝelo (JR, 1908); Losanĝelo (MM, 1968; RŜ, 1989)
*bolas*: bolaso (JR, 1908); bolao (EB, 1989). Ĝi estas lazo, ĉe kies finaĵo ligiĝas du aŭ tri pezaj ledkovritaj buloj el ŝtono aŭ metalo; oni uzas ĝin por piedlazi brutojn aŭ alian ĉasaĵon en Argentino.
*pampa, La Pampa*: pampo (PIV, 1970); Pampaso (PIV, 1970); Pampo (RŜ, 1987). La asimilado de tiu ĉi paro, konsistanta el substantivo kaj propra nomo, estas anomalia. *Pampa* estas

nomo de speco de geografia regiono simila al savano, dum *La Pampa* estas la nomo de unu el la provincoj en Argentino. Ili estas uzataj singulare, do ne estas pravigebla la "s" en "Pampaso". La difina artikolo kaj la majuskla inicialo de "Pampo" sufiĉas por diferencigi ĝin disde "pampo".

Ekzistas ankaŭ la fenomeno de duobla plural-markado. Kelkaj hispanlingvaj uzantoj de Esperanto tiel forte sentas la bezonon de la plurala senco, ke ili aldonas al la asimilita vorto aŭ nomo, havanta radikon finiĝantan per la hispana "s", ankaŭ la Esperantan plural-markilon "j".

*maracas* : marakaso (IS, 1963); marako (JPB, 1967; JBB, 1972; EB, 1989); marakasoj (GDFE, 1992)

*Cortes*: Korteso (JR, 1908); Kortesoj (PIV, 1970; GDFE, 1992); Kortoj (RŜ, 1989)

Tiuj vortoj kun duobla markado de pluralo estas similaj al angladevenaj vortoj kiel "komiksoj" (A. *comics*) kaj "komandosoj" (A. *commandos*). Rimarku, ke la vortformo "Kortoj" estigas ankoraŭ unu homoniman radikon apud la substantivo "kort/o".

*Buenos Aires*: Buenos-Ajreso (JR, 1908; PIV, 1970); Bonaero (MCB, 1967; PAM, 1971); Bonaeroj (IL, 1990); Bajreso (RŜ, 1989)

La anomaliaj formoj "Bonaero" kaj "Bonaeroj" estas la rezulto de miskompreno de la signifo de la morfemoj en la subnomo. Ĉar *Buenos Aires* estis fondita de maristoj, la sola ĝusta traduko de la nomo ne estas "bonaj aeroj" sed "bonaj, favoraj ventoj" (3). La bizara formo "Bajreso" estas registrita nur de Rikardo Ŝulco.

*Konkludo*. Mia propra prefero estas formado de Esperantaj vortoj surbaze de etimoj, en kiuj restas la hispana pluralmarkilo "s". Tiel la vortoj kaj nomoj estas pli facile kompreneblaj parole kaj skribe. La "s" efektive ne havas semantikan valoron en Esperanto, sed povas funkcii kiel diferencigilo kiel en la paro "pampo" kaj "Pampaso". Aldono de la Esperanta plural-markilo estas superflua, krom se temas pri du aŭ pli da objektoj de la sama speco.

*Bernard GOLDEN*

*Notoj*


1. Bernard GOLDEN, "Principoj por la esperantigo de hispanlingvaj vortoj kaj propraj nomoj", pĝ. 235-257 en *Serta Gratvlatoria in honorem Juan Régulo, vol II: Esperantismo*, La Laguna: Universidad de La Laguna; 1987.

2. Bernard GOLDEN. "Esperantigo de la urbnomo Caracas", *Venezuela Stelo*, 1991, n-ro 50, pĝ. 6-7.

3. Bernard GOLDEN. "Kiel esperantigi la urbnomon Buenos Aires?" *Heroldo de Esperanto*, 1994, n-ro 14 (1987), pĝ. 4.

EB = *Esperanta Bildvortaro*, 1989. GDFE = *Grand Dictionnaire Français-Esperanto*, 1992. IL = *Internacia Lingvo*, 3/1990. IS = Ivan Sarafov kaj aliaj, *Esperanto-Bulgara Vortaro* (1963). JBB = Johano-Baptisto Briano, *Esperanto-Lingva Muzika Leksikono* (1972). JPB = J. Paluzie-Borrell, *Diccionario Esperanto-Español y Español-Esperanto* (1967). JR = Joseph Rhodes, *The English-Esperanto Dictionary* (1908). MCB = Montagu C. Butler, *Esperanto-English Dictionary* (1967). MM = Mondmapo (Tibor Sekelj) (1968). PAM = *Poŝtatlaso de la Mondo* (1971). PIV = *Plena Ilustrita Vortaro* (1970). PIV-S = *Plena Ilustrita Vortaro + Suplemento* (1987). RŜ = Rikardo Ŝulco, *Leksara kolekto de ofte uzataj propraj nomoj* (1989). SS = *Sango kaj Sablo* de Vicente Blasco Ibáñez, trad. R. de Salas (1935). UJM = Uwe Joachim Moritz, *Problemoj de Etnaj Minoritatoj en Hispanio* (1971).

---

# Al s-ro István Ertl, redaktoro de "Esperanto"

## Plendo pro fajna komo-uzado

Plian fojon montriĝas ke pri Esperanto (lingvoriĉo, stilo, ĝisdateco ktp.) vi multe pli kompetentas kaj instruas nin ol la iom oftaj kritikantoj kaj plendantoj: Temas nun pri la feliĉe vastiĝanta kutimo, uzadi la komojn laŭ maniero pli nuancita ol tiu kiu estis uzata de Zamenhof kaj estas konstatita de PAG (kio ja povas nur utili al la esprimivo kaj nuancivo de Esperanto, krome laŭ procedo plej simpla kaj facila kaj ja sen ajna eĉ minimuma atenca tuŝo al io ajn).



Antaŭ 3-4 jaroj, ĉeĥa profesorino pri la ĉeĥa kaj rusa lingvoj en la Santiaga Universitato mirigite plendis al mi ke la hispanoj, eĉ universitatanoj, "tute fuŝas pri uzado de komoj, ĉar ili forgesas, ke ĉian subpropozicion oni devas apartigi per komoj disde la koncerna ĉefpropozicio". Tamen, post klarigo al ŝi, kial tia slava-germana regulo estas nura aŭtomata krudaĵo kompare al la pli nuancita angla kaj al la eĉ pli nuancita hispana aranĝoj, ŝi ekbedaŭris, ke tia utila nuancado ne ekzistas en ĉiuj lingvoj!

Permesu ke mi skize resumu tie ĉi mian prezenton al ŝi de la afero, per laŭvorta traduko de du grupoj da hispanaj frazoj:

*-La elefantoj -kiuj estas grizaj bestoj- manĝas multe= La elefantoj, kiuj estas grizaj, manĝas multe= La elefantoj, grizaj, manĝas multe= La grizaj elefantoj manĝas multe= La elefantoj manĝas multe.*

Laŭ la hispana sintakso kaj prozodio (tiu ĉi lasta, respegulata de eventualaj komoj, strekoj aŭ krampoj, aŭ de tio ke la adjektivo "grizaj" aperas antaŭ la substantivo "elefantoj"), tiuj kvin frazoj havas unu ĉefan kaj sole komunan sencon, nome, ĝuste la solan signifon de la kvina frazo (validan por ĉiuj "la elefantoj"), kaj tio konsistigas la kernan informon kiun oni transdonas per tiaj esprimoj. Ĉia parolo pri grizeco estas akcesora afero, jen ĉar ĝi estas jam konata eco de la specio "elefanto", jen nura ornamaĵo eble eĉ eliminebla sen grava informoperdo, jen -kio tre oftas en literaturo pri la antaŭmetita adjektivo- ĉar oni jam informis pli frue pri tia eco, ktp. (Por mallongeco, mi ne malvolvu tie ĉi pri eventualaj subnuancoj en la parolo pri grizeco de tiuj frazoj).

Jen laŭvorta traduko de aliaj hispanaj frazoj:

*La elefantoj kiuj estas blankaj kostas multe = La elefantoj blankaj kostas multe.*

Plu laŭ la hispana sintakso kaj prozodio (tiu ĉi lasta, nun respegulata ĝuste de la neekzisto de komoj, strekoj aŭ krampoj, aŭ de tio ke la adjektivo "blankaj" aperas post la substantivo "elefantoj"), tiuj frazoj asertas la multekostecon nur de tiuj elefantoj havantaj blankan haŭton (eble ĉar tiaj elefantoj estas maloftaj aŭ aliaj -pri kio la frazo nenion diras, kvankam pri tio probable informas la kunteksto).

T.e.: Laŭ la ĝenerala terminologio de vi uzata, "grizeco" ne estas determina eco por la multemanĝanteco kaj tial oni povas principe elimini la parolon pri grizeco, sed blankeco estas determina eco por la multekosteco, kaj do oni ne povas elimini la parolon pri blankeco, ĉar tial la nuda frazo *La elefantoj kostas multe* iĝus erara aŭ falsa ktp.

Jen aliaj ekzemploj nedeterminaj laŭ la hispana sintakso kaj prozodio:

*-La knabinoj, kiuj estis lacaj, enlitiĝis tuj= La knabinoj, lacaj, enlitiĝis tuj= La lacaj knabinoj enlitiĝis tuj= La knabinoj enlitiĝis tuj.* (T.e.: La kerna informo, ke ĉiuj "La knabinoj" enlitiĝis; akcesora informo, ke ili ĉiuj, krome, estis lacaj).

Kaj determinaj: *La knabinoj kiuj estis lacaj enlitiĝis tuj= La knabinoj lacaj enlitiĝis tuj.* (T.e.: La sola informo estas, ke la tuja enlitiĝo rilatas al tiuj el la knabinoj kiuj estis lacaj; pri la ceteraj knabinoj tiu frazo nenion diras).

Kaj jen ekzemplo pri pli frua informo de eco: *El ĉiuj ses knabinoj, nur Olga kaj Ana estis lacaj. Nu, tiuj du lacaj knabinoj...*

Do, la hispana aranĝo koincidas kun tiu angla (kaj kun tiu nuna en Esperanto) rilate uzadon aŭ neuzadon de komoj, strekoj kaj krampoj. La diverĝo estas, ke la hispana aldonas la distingon "grizaj elefantoj, lacaj knabinoj" por nedetermina adjektivo (=antaŭ la substantivo), kontraste al "elefantoj blankaj, knabinoj lacaj" por determina adjektivo (=post la substantivo). (Kiel dirite, mi ne detaligu tie ĉi pri eventualaj subnuancoj aŭ esceptoj kaj specialaj kazoj, kiel ankaŭ ne pri la hispana terminologio, ja parenca sed ne koincida kun tiu de PAG).

Do mi pensas, ke ni povas nur ĝoji ke Esperanto grade adoptas la pli fajnan uzadon de komoj. Ĉu survoje de tia plifajniĝo Esperanto adoptos ankaŭ la hispanan aranĝon pri pozicio de la kvalifika adjektivo rilate la koncernan substantivon mi ja ne kuraĝas prognozi. Tamen mi diru, ke mi ĝojus, ke io tia okazus laŭ iu el la alternativoj eblaj, ĉar al tio helpas ankaŭ la kontrasto pere de finaĵoj -o kaj -a, eble ankaŭ per neuzado de adjektiva finaĵo en iaj okazoj, ktp.

Permesu ankoraŭ ke mi aldonu plurajn komplementojn:

1) Ekzemplo pri la kazueco ekzistanta en la hispana pri tiaj aferoj:
-Nedetermina: *Lia fratino, kiu laboras en banko, malsaniĝis= Lia fratino malsaniĝis.*

-Determina: *La fratino lia kiu laboras en banko malsaniĝis= Malsaniĝis tiu el liaj fratinoj kiu laboras en banko.*

Tiun ĉi lastan ekzemplon mi ĉerpis el "Literatura Foiro" (tamen, la koncernan ekzempleron —aperintan antaŭ 2-3 jaroj— mi ne sukcesis retrovi) en kiu ĝi aperas sub la formo *Lia fratino kiu laboras en banko malsaniĝis.* Sub tia laŭvorta formo temus pri frazo nekorekta en la hispana, ĉar sub la ordo *Lia fratino = tiu fratino de li pri kiu ni jam ial scias* (en la galega, portugala, kataluna, itala, malnova kastilia k.a. oni nepre eĉ diras *La lia fratino*) temas pri jam determinita fratino, kaj tial superfluus la dua determino per laboranteco en banko. Nur sub nedetermina aranĝo kiu inkluzivu la inversan ordon *fratino lia* -angle, a sister of his- oni povus aldoni determinon per la dirita bank-laboranteco. [Mi tial opinias ke Wells pravas ("Lingvistikaj aspektoj de Esperanto", pĝ. 48), per (nerekta) rekomendo, ke en Esperanto ni jam definitive akceptu la vastiĝantan uzadon, *Lia fratino (determina), kontraste al Fratino lia= *unu el liaj fratinoj* (nedetermina)]

2) Nedeterminaj subpropozicioj kaj adjektivoj pli abundas en la literatura ol en la ordinara, ĉiutaga lingvo. Tial, la ĉefa profesorino pli ŝokiĝis, ĉar hispanoj preskaŭ neniam uzas komojn ĉe subpropozicioj!

3) La nuancita uzado de komoj ja estas semantika gajno en la lingvo-esprimivo.
La pli oftaj frazoj sen komoj iĝas parole pli leĝeraj, kio estas bonvena (almenaŭ, por maturaj lingvo-uzantoj, kaj mi inklinas pensi, ke por ĉiaj uzantoj, eĉ plej nematuraj).
Grava ekzemplo de tio ni havas en *Mi diras, ke ŝi estas tre bela* (la kutima E-formo) kontraste al *Mi diras ke ŝi estas tre bela* (nepra en la hispana), jam survoje al tiu por mi tre plaĉa *Mi diras ŝi estas tre bela* (nepra en la angla, tute sen tio ke temu pri cito *Mi diras: "Ŝi estas tre bela"*).

4) Se ni volus iel ĉikani aŭ grumbli, ni povus diri ke la frazo responda al la senkome determina *Tiuj elefantoj havantaj blankan haŭton...* ja principe estu la egale senkome determina *Tiuj elefantoj kiuj havas blankan haŭton...*, kaj ne *La elefantoj, kiuj havas blankan haŭton...* ĉar tio portus al tute alia nuanco, nome al nedetermina blankhaŭteco, ktp.

*Antonio ALONSO Nuñez*

P.S.- Pri tiuj (kiuj plendis pri via fajna komo-uzado), ja sufiĉu diri, ke ili simple pistege ripetas la absurdajn asertojn de Mimó kaj Ŝulco pri konjugacio, pri refleksivo, pri nombraj prefiksoj, nun pri komoj, pri kio ajn: Ja estas vere gapige, ke ekzistas homoj, kies sola celo estas laboregadi nur por malutilo de Esperanto, jen per tio, ke ili protestas kontraŭ ĉia progreso ŝprucanta el la potencialoj mem de Esperanto, jen per tio, ke ili rekte atencas ĝin per kripligaj modifproponoj (t.e., temu pri kio ajn, kondiĉe nur ke Esperanto estu kiel eble plej profunde kripligita). (Fakte, post tiom da horoj perditaj klopodante eldetektivi kion Mimó kaj Ŝulco fakte diras en siaj verkoj, kiel en du plurhoraj debatadoj kun Ŝulco en San-Marino, mi venis al la konvinko, ke tre ofte ili simple vortas, sed ne parolas kaj ne diras, kvazaŭ semantiko estus neekzistanta aŭ negrava afero aŭ ke ili eĉ ne suspektus ke ĝi ekzistas).

Pri tiaj absurdaĵoj post kelkaj tagoj mi sendos kaj proponos informon sub formo de artikolo al la ĉefredaktoro de "Boletín". Laŭ aranĝo, ĝi similas al mia skribaĵo aperinta en "Internacia Pedagogia Revuo" pri la artikolo pri -iĝ- fare de Blázquez, kvankam feliĉe pli mallonga.

La strukturiga fadeno de tiu informo estas la kunigo en apudajn liniojn de la diversaj, ĥaosaj, mallogikaj kaj kontraŭdiraj asertoj kaj proponoj, ruze aŭ simple malklere dissemitaj de la diritaj aŭtoroj tra siaj verkoj.

# Pedro Calderón de la Barca

Pedro Calderón de la Barca naskiĝis en Madrido en la jaro 1600, kaj studadis, unue ĉe la jezuitoj kaj poste ĉe la Universitatoj de Alcalá kaj Salamanca. Li apartenas al tiu generacio de brilaj verkistoj de la tiel nomata "orjarcento de la hispana literaturo". Sufiĉe juna, li partoprenis samkiel Lope kaj aliaj grandaj tiuepokaj verkistoj en la famaj naciaj beletraj konkursoj pri la kanonizado de Sankta Izidoro, Sankta Tereza kaj Sankta Ignaco, kio donis al li prestiĝon kaj lokis lin en la unua vico de la tiamaj hispanaj verkistoj.

Calderón vivis senbridan junecon, sed malgraŭ tio, baldaŭ lia talento kiel verkisto altiris la atenton de la intelektaj rondoj, kaj en 1623 li verkis sian unuan komedion, *Amo, honoro kaj povo*, per kiu li komencis sukcesan etapon kiel teatro-verkisto, kiu daŭris ĝis lia vivofino.

Laŭlonge de sia vivo Calderón uzas du stilojn: la unua montras la nacian teatron realisman kaj tradician de Lope de Vega. La dua stilo malproksimiĝas de tiu realisma teatro kaj konstruas poeziajn komediojn kun elstarigo de lirikaj valoroj aŭ de aliaj kun ideologia enhavo kaj profundaj konceptoj religiaj aŭ filozofiaj, kiel *Vivo estas revo*, el kiu mi prezentas mallongan pecon:



**Vivo estas revo...**

...Tio veras, sed modero
Kontraŭ ambici' konvenas,
Ĉar se revo ĉe ni venas,
Ni ĝin ŝirmu de l' kolero;
Sen fier' ni faru provon
En ĉi mondo tre avara,
Kie sperto montras klara
Ke la viv' estas nur revo:

Ĉiu homo revas celon
Ĝis vekiĝo de l' deliro,
Kaj ĝi en la viv' reala
Rolas sian propran revon.
Revas reĝo esti reĝo



Kaj en tiu trompo vivas,
Regas li kun sent' jubila
Kaj en sia trompa rolo
Kredas aŭdi el popolo
Dankesprimon kaj aplaŭdon

Tamen post vekiĝ' la laŭdon
Oni skribas sur la vento,
Ĉar en cindroj, ho fisorto!
Ĝin transformas fata sorto.



Antaŭ tiu fidestino
Ŝajnas celo malprudenta
Voli povon, ne atenta
Al la vera homa fino;
Kia hom' en sia vivo
Pro aspir' al mon' kaj trono
Ne perceptas ĉe la fono
La mortrevon post vekiĝo.



Riĉa revas pri la riĉo
En la nokto kaj mateno,
Revas malriĉul' kun peno
Pri la propra mizervivo;
Revas kiu elriĉiĝas,
Revas kiu tro pretendas,
Revas kiu eĉ ofendas,
kaj konklude ni difinas:
Ke la tuta mondo revas
Tion, kio ĉiu estas,
Kvankam por esprimi veron
Tion oni ne komprenas...

Kio estas viv'? sopiro;
Kio estas viv'? fikcio,
Kvazaŭ ombro, iluzio,
Tute simpla bondeziro...
ktp.

Malfeliĉe la traduko perdigas la plej purajn esencojn de la originala teksto: certan fantazian kultismon plenan de lirikaj resonancoj kaj de la Kalderona filozofio, kiujn mi konsideras tute netradukeblaj...

Liaj teatroverkoj "autos sacramentales" (drametoj pritraktantaj temojn el dogmo kaj eŭkaristio) atingis kvalitonivelon vere majstran ne facile supereneblan.

En 1635 li verkis *La plej granda ĉarmo: la Amo*, tre sukcesan teatraĵon, kaj en 1637 li ekservis ĉe la duko Infantado kaj partoprenis en pluraj militkampanjoj kiel soldato. Sed li neniam forlasis la verkadon, kaj en 1651 li fariĝis pastro.

La teatro de Calderón denevas el tiu de Lope de Vega, kvankam li aldonas al ĝi gravajn modifojn, kiuj ne nur ŝanĝas ĝin teknike, sed perfektigas la formon, prezenton kaj profundecon. Se Lope reprezentis la krean momenton de la hispana teatroverkado kaj la genian spontanecon pri improvizo, Calderón signifas ja la sistemigon, la maturiĝon, la saĝan profundecon. Spirito rezonema kaj logika, li konsideras ege grava doni filozofian signifon al siaj verkoj kaj potencigas la dramon per simpligo de la intrigoj forlasante ĉion akcesoran kaj akcentante la rolon de la protagonisto. Lia baroka lingvostilo signas la kulminon de kultismo en la teatro per aŭdacaj metaforoj plenaj de certa konceptismo intelekta:

> El plej brila bel-dianto,
> ĉarmo de plezurĝardeno,
> eltiras vipur' venenon
> kaj abel' mielnutraĵon.

Tiu inklino al troigo kaj kontrasto, pelas lin akcenti la psikologiajn trajtojn de la teatro-rolantoj, kies violentaj pasioj ofte senhumanigas ilin. Calderón havas opinion tre favoran pri la uzo de la muziko en la teatro, sed ĝuste pro tiu lia koncepto baroka li enorme komplikas la teknikon pri scenografio...

Calderón faras el la honoro (plej alta koncepto de la propra digno de la tiamaj hispanoj) ĉeftemon de multaj el liaj verkoj, kiel en *La urbestro de Zalamea*, kiam Don Pedro fiere respondas al la postuloj de la reĝo-reprezentanto:

> Doni ĉion al la reĝo,
> propran vivon kaj obeon,
> estas postulebla devo,
> sed neniam la honoron,
> ĉar propraĵ' de la animo
> estas ĝi, nur je dispono
> de la ĉiopova Dio,
> mastro de ĉieltrezoroj.

Dramoj mitologiaj, historiaj-legendaj, priĵaluzaj, religiaj, komedioj pri plej diversaj temoj... Calderón verkas senlace kaj li eĉ havas tempon verki belajn poemojn, kiel tiun ĉi:

**La najtingalo**

Vi, najtingal' majeste nun fluganta
iras prikanti amajn ĝentilaĵojn;
ho, kiom da dolor' kaj sent' malplaĉaj!
Sed ne! ĉar, se nun kantas vi amravojn,
vi, morgaŭ ploros pro ĵaluz' amara!

Ho, najtingalo ĉarma!
kiel vi dolĉe pepas,
kaj viajn amajn aventurojn kantas,
mergita ene de forges' forgesa,
kune kun vi la horoj ĝoje pasas,
ĉar vi vidiĝas vigla kaj kontenta;
sed, ĉar vi ĝentilaĵojn ja regalas,
ho, kiom da doloro mi korsentas!
Tamen, se nun pri am' vi kantas gaja,
morgaŭ vi ploros pro ĵaluz' despera.

Lia religia vivo estis preteksto pli ol sufiĉa, por ke li izoliĝu kaj verku, same teatro-verkojn kiel belajn poemojn, plejofte kun la ĉarmo de tiu ĉi soneto:

**Al la floroj**

Ĉi tiuj, kiuj estis pomp' kaj belo
kiam vekiĝis en l' aŭrora klaro
vespere, kun domaĝo kaj amaro
dormiĝos nokte palaj en malhelo.

Tiu nuanc', defio al ĉielo,
aperis kun orstrioj kaj ruĝharo,
kaj taŭgos kiel sperto-akaparo:
ho! kiom grandas unu tag-rivelo!

Atingas rozoj ĉe florad' kulminon:
lulil' kaj ĉerk' en unu florburĝono,
kun belo ili trovas tristan finon.

La propran vivon vidas mem persono:
naskiĝas, mortas, finas hom-destinon,
nur horoj post jarcentoj da voĉsono.

Don Pedro Calderón, nomumita honora kapel-pastro de la hispana reĝo, translokiĝis en 1663 al Madrido, kie li persiste verkadis. Antaŭ ol forpasi, li respondis leteron al duko Veragua, kiu interesiĝis pri la kvanto de liaj verkoj. Calderón skribis: "110 komedioj, 80 dogmoverkoj kaj dramoj, zarzueloj (1), komedietoj kaj multnombraj malpli gravaj verketoj kaj poemoj..."

Pedro Calderón de la Barca, unu el la plej grandaj dramaturgoj en Hispanio, forpasis en Madrido en la jaro 1681.

*Antonio MARCO BOTELLA*

(1) Zarzuelo: Drama hispana verko en kiu alternas fragmentoj parolataj kaj kantataj. Ĝi similas al la franca komika opero kaj al la germana "Singspiel".

---

## Recenzoj

**La malica komizo**
Wenceslao Fernández Flórez (tradukis el la hispana Fernando de Diego), Jekaterinburgo, Sezonoj, 1993, 168 p.

Unu el la aksiomoj de nia traduk-arto diktas, ke komparado inter nacilingva originalo kaj ties esperanta versio egalas al senfine ŝpruca lernofonto. Ĝi kompreneble aplikiĝas nur al eminentaj redonoj de ne malpli elstaraj tradukantoj, kio en la kazo de la hispana lingvo —tiel ofte mistraktita de fuŝaj esperanto-tradukemuloj— signifas plenmaneton da nomoj: Ernesto Sonnenfeld, Miguel Fernández, Liven Dek kaj, majstre, Fernando de Diego. Efektive, De Diego estas majstra tradukisto, malgraŭ la kvazaŭobjetoj de Trevor Steele —mem bonega stilisto— en recenzo pri *Cent jaroj da soleco* aperinta en la 1994-decembra *Esperanto*. Bedaŭrinde, Steele kaj multaj aliaj ankoraŭ ne komprenis, ke Fernando de Diego aŭ Karolo Piĉ aŭ Reinhard Haupenthal elstaras kaj elstaros dum longa, longa tempo en la esperanta beletro ne pro dek aŭ cent neologismoj, sed pro sia talento. Tute ne temas pri ia teda "neologisma batalo", sed pri la arto fluigi esperanton, pri la ĝusta interpreto de ĝia aparta melodio kaj pri la lerto ritmigi frazojn, strukturojn kaj vortojn.

Se oni rigardas la aferon de tiu vidpunkto, memkompreneblas, ke en *La malica komizo* aperas pluraj el la ŝiboletoj de De Diego: "Li perfortos nul personon" (p. 62); "Nul kompatis min" (p. 47); "Vi tardas, najbaro" (p. 15); ktp. Ni tamen prefere analizu ĉu, kiel kaj kial lia traduklaboro majstras. En la enkonduko, De Diego skribas: "La stilo de Wenceslao Fernández Flórez estas iom tro densa, kun longaj periodoj el interĉenitaj frazoj plurpropoziciaj. Ĝia meandra fluado ne ĝenas ene de la spirito de la hispana lingvo, sed ĝia efiko ne estus la sama en nia sobra Esperanto. Tiel do, mi prenis al mi la liberon iom senpezigi la sintaksan strukturon de la verko, sed tenante min plej skrupule kaj respekte al la senco kaj esenco de la originalo". Li eminente sukcesas. Tial, ke la nuna recenzo adresiĝas ĉefe al hispanlingva publiko, mi metu ekzemplojn de tipe peza sintakso el la originalo: "No hay, entre todos los actos que realizan los hombres, ninguno que entrañe la terrible trascendencia de éste, aparentemente tan sencillo, que consiste en dibujar una cifra en el libro rayado y cuadriculado de una casa de banca."; "Y por si acaso, se dispuso a mostrarse ofendida, con esa facilidad que tienen los enamorados para hacer surgir un disgusto de cualquier nimiedad, secretamente advertidos por el instinto del riesgo de ahogar el cariño en sus propios manantiales de empalagosa dulzura". Ĉu vi kuraĝus traduki tiujn du fragmentojn? Provu, se vi volas: la solvojn de la plej bona tradukisto el la hispana en esperanton aperas fine de la recenzo.



Fakte, ĉiu frazo en la libro konsistigas senpagan lecionon pri la arto traduki. Kiel kutime, la prozo de Fernando de Diego estas "insulte simpla kaj riĉa je bildoj kaj ravaj parol-turnoj", se citi laŭ la vortoj de Joxemari Sarasua. Mi ne scias, ĉu la traduko superas la originalon, sed la stilo pli elegantas kaj la ritmo pli fluas en esperanto ol en la hispana. Evidente, malgraŭ la ne tro konvinka pledo de kelkaj hispanaj literatur-kritikistoj, Fernández Flórez ne estas unuakvalita verkisto kaj do ne povas eviti ripetiĝojn, semantikajn peketojn kaj foje pezan vorto-trenadon. Por la unua fojo, De Diego neglektas sian propran rekomendon jene formulitan en la eseaaro *Pri esperanta traduk-arto*: "[oni devus] kompili liston de naciaj verkoj tradukendaj en Esperanton kaj, laŭ la listo, efektivigi metode la

tradukan taskon" (p. 61); kaj sur paĝo 27 de la sama verko, li kritikas la fuŝajn esperanto-tradukemulojn, kiuj elektas libron "sen konsideri, ĉu ĝi havas literaturan valoron esperantigindan".



Nu, laŭ mi *El malvado Carabel* neniel enirus tian liston de tradukendaj verkoj. La felietoneska intrigo pri griza komizo volanta sed ne sukcesanta iĝi ŝtelisto pro la frakasiĝo de la persona morala kredo disvolviĝas kliŝe, malrapide kaj antaŭvideble. Ĉio krome fetoras je etburĝa kaj seninteresa mondo, kiun la aŭtoro priskribas per humuro same etburĝa kaj seninteresa: ja facilas ekspluati konvenciojn kaj antaŭjuĝojn. La redakto de la originalo rance odoras je la 19a jarcento, malgraŭ tio, ke *El malvado Carabel* verkiĝis en 1931. Similan impreson oni ricevas en esperanto komparante prozaĵon de, ni diru, Grabowski kun la plej modernaj verkoj de nia originala beletro: io troklarigas, samtempe ekpezetas, samtempe troinsistas... kaj la tekniko rakonti estas simpla kaj travidebla. Ekzemple, la onklino de Carabel tre ĉarmas ne pro aparte ravaj diroj kaj agoj en la romano, sed nur ĉar la aŭtoro marteladas ties ĉarmon. Plu lame, Fernández Flórez ofte transdonas la parolon al la roluloj... kiuj transdiras kion la rakontisto pensas. Kurioze, ke proletoj kapablas tamen subtile rezoni kaj filozofiumi por eltiri brilajn deduktojn; almenaŭ same brilajn, kiel tiujn de la aŭtoro. Ĉiuj roluloj same parolas kaj senĝene retorikas per tro alta lingvaĵo: tion oni malpli rimarkas en esperanto (kaj legu ĝuste: ne "oni *ne* rimarkas", sed "oni *malpli* rimarkas"), ĉar esperanto disponas ankoraŭ tre malmultajn lingvo-tavolajn markilojn. Resume: *El malvado Carabel* estas tute minora kaj nur pordistra literaturaĵo.

Mi volas profiti la recenzon por dementi, ke Fernando de Diego estas *malamiko* de la mal-vortoj. Jen kelkaj specimenoj: "ankaŭ li kulpigis pri ĉio la malbonajn kompanojn" (p.50); "montris, diference ol kutime, ian malafablon" (p. 52); "la lasta-hora apatio, kiu malhelpas la iron al la lito" (p. 52); "en horoj de maldormo" (p. 53); "li elpoŝigis la paketeton, malĉifis ties envolvan paperon" (p. 56); "malĉifis unu el la cigaredoj" (p. 57); "maldekstre de la avenuo Bravo Murillo" (p. 63); "La homaro malbonas" (p. 74); "Li ne fartos pli malbone" (p. 75); "suferos nenian malbonon" (p. 76); "Oni estas bona aŭ malbona" (p. 95); "Poste ŝi malaperis" (p. 100); "Vi farus al ni grandan malutilon" (p. 122); "ke malsano ĉesu" (p. 145); "proksimigante sian malplenan glaseton" (p. 146); "la malbono" (p. 162 kaj 163); "kelkaj malsatantoj" (p. 162); "la malpli kapablaj" (p. 163); "Oni naskiĝas bona aŭ malbona" (p. 164). Eĉe: sur paĝoj 46-47 troviĝas dialogo, kiu skandaligus kelkajn *malĝisostulojn*:

"—Nenian meriton. Temas nur pri fridaj tentoj, pri deziroj, kiuj ĝermas senfrukte, ĉar oni ne kapablas ilin efektivigi. Tiam oni diras: 'Mi ne volas esti malbona', anstataŭ diri pli sincere: 'Mi ne povas fari malbonon'.
—Fari malbonon estas plej facile.
—Plej malfacile por vi aŭ por mi.
Carabel iom ĉirkaŭpasis en la ĉambro, kun la manoj profunde en la pantalon-poŝoj, kaj plej sombra-miene rehaltis antaŭ sia kontestanto."

Kompense tamen, aperas "fridaj" kaj "sombra-miene" en la sama fragmento. Uf!

Fine, jen la solvoj de Fernando de Diego al la du peza-sintaksaj eroj, kiujn mi citis en la komenco: "Inter la homaj faroj ekzistas nenio tiel terure grava kiel la ŝajne simpla skribo de nombro en la liniita kaj kvadratita konto-libro de banko." (p. 8); "Ĉiaokaze ŝi decidis montri sin ofendita. Vere, geamantoj facile kverelas pro ajna bagatelo, ĉar la instinkto sekrete avertas ilin kontraŭ la risko dronigi la amon en ties propra trodolĉo." (p. 13). Kiu tradukus pli flue?

*Antonio Valén*

# Nekrologoj

Kun bedaŭro ni informas pri la forpaso fine de januaro de Arsenio Noguero Salinas, patro de nia bona amiko Lorenzo Noguero Sarasa. Liaj lernantoj de la Esperanto-kurso en la Lernejo de Idiomoj de la Zaragoza Universitato, liaj k-doj kaj amikoj de "Frateco" kaj la Redakcio de "Boletín" esprimas al li sian kondolencon.

Kun sama doloro ni informas pri la forpaso de s-ino Amalia Villoria Hernández, patrino de Pilar Gayarre Villoria, edzino de la ĉefredaktoro de "Boletín", Antonio Marco Botella.

La hispanaj esperantistoj kaj bonaj amikoj, kiuj eksciinte la funebran novaĵon esprimis sian kondolencon al la paro Marco-Gayarre pro tiu dolora perdo ricevu tutkoran dankon per la publikigo de tiu ĉi noto.

La 28an de decembro 1994 mortis 91-jara, en la urbo Sabadell, la malnova samideano Josep Sanfeliu Viñals, patro de la tiea HEF-membro. s-ano Víctor Sanfeliu Badell. Al liaj edzino, s-ino Angela Badell. veterana esperantistino, filo Víctor kaj bofilino Natalia Balart, nevino de la bedaŭrata SAT-pioniro Petro Casanovas Manent, la Redakcio esprimas sian plej profundan kondolencon.



# Literatura konkurso
de
# Fundación Esperanto

La patronaro de la Fundación Esperanto decidis, en kunsido okazinta la 22an de marto de 1995, organizi tradukan literaturan konkurson sub la nomo:

## Premio Inés Gastón

— REGULARO —

1) Nur eblas konkursi per traduko(j) el novelo(j) de hispana(j) aŭtoro(j) vivanta(j) en la 20a jarcento.

2) Ĉiu konkursanto rajtas partopreni per tri konkursaĵoj maksimume.

3) Ĉiu konkursanto devas sendi tri ekzemplerojn de la konkursaĵo, tajpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: "Konkurso de **Fundación Esperanto**".

4) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kun la originala titolo kaj la fonto el kiu oni cerpis la novelon. En aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.

5) Kune kun la Verdikto, aperos samtempe la nomoj de la juĝintoj.

6) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30an de septembro 1995a. La Verdikto publikiĝos en la Hispana Kongreso, la 11an de novembro 1995a.

7) Oni sendu la tekstojn al S-ro Enrique Piquero; Morería, 6, 5° D; 50004 Zaragoza / Hispanio.

8) La premio konsistos el 15.000 ptoj en libroj de la Libroservo de HEF.

9) Fundación Esperanto rezervas al si la rajton publikigi la plej bonajn novelojn en aparta(j) volumo(j) de la libroserio "Hispana Literaturo"

Zaragoza la 22an de marto de 1995a

*Enrique Piquero*
Sekretario de la **Fundación Esperanto** kaj de la konkurso.

